


DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

AÑO 37 Nº 271 SEPTIEMBRE–OCTUBRE 1985

RAPORTO PRI LA 45A HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

LA MARO, FAKTORO DE KOMUNIKADO

SALUTO DE LA ESTRARO DE U E A

AGADPLANO – FERM – SALUTO

ARTAJ, SCIENCAJ KAJ KULTURAJ HOROJ

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

Directora: María Aurora Viloria

Dirección y administración
Carreras Candi, 34 – 36
08028 BARÇELONA

REDACTOR JEFE
Giordano Moya
Balmes, 38 Tel. (93) 7881839
TERRASSA (Barcelona)

COMITE DE REDACCION
Vicente Hernández Llusera
Gabriel Mora i Arana
Andrés Martín González
Luis Serrano Pérez
Miguel Gutiérrez Adúriz
Antonio Marco Botella

## ENHAVO



Dip. Legal: B-35043-85
G.E.T.

# 45A HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

Ĝi okazis en Kartageno, de la 5a ĝis la 9a de julio 1985a.

Vendrede, oni jam disdonis la dokumentojn kaj estiĝis la interkona vespero.

Sabate matene: Oni frue vizitis la urbodomon, kies konsilanto, s-ro Petro Fructuoso, kore akceptis la gekongresanojn. Li krome emfazis la fakton, ke Esperanto estas jam tradicia en Kartageno, kaj ĝin komparis kun la Kartagena haveno, ĉar ambaŭ estas, li diris, internaciaj komunikiloj. Li finis per salutvortoj en Esperanto, kaj donacis belan turisman libron pri Kartageno al s-ro Aragay. Siavice, la HEF-prezidanto s-ro Aragay dankis lian afablon kaj diris, ke la esperantistoj havis devon kongresi en Kartageno, ĉar ĉi tie naskiĝis la pioniro Rikardo Codorniu, kiu fondis la unuan esperantistan organizaĵon en Hispanujo. Codorniu, kiu estis membro de la Akademio de Esperanto, li aldonis, vizitis kun sia filino, ankaŭ esperantistino, la unuan Kongreson de Esperanto en Boulogne-sur-Mer, jam la jaron 1905-an. Poste s-ro Aragay reciproke donacis al s-ro Fructuoso la Esperanto-tradukon de la verko "La Familio de Pascual Duarte", de Camilo J. Cela, kies patro, li reliefigis, estis esperantisto.

Sabate posttagmeze: Post enkondukaj vortoj de la prezidanto de la Organiza Komitato, s-ro García Pintado, la Delegito de la Hispana Registaro, s-ro Eduardo Carré deklaris sian admiron al la esperantistoj, kiuj impulsas la unuiĝon de la homaro. Esperanto naskiĝis en Eŭropo, li diris, ĉar la modernaj komunikiloj proksimigis la homojn, kaj tial ĝiaj loĝantoj devis vivi kune, kaj konsekvence necesis interkomprenilo. Nuntempe la mondo malgrandiĝas kaŭze de la cibernetiko kaj la turismo, kaj pro tio Esperanto troviĝas en favora momento, precipe por la junuloj, kiuj deziras interkompreniĝon. Tuj sekve li deklaris la Kongreson malfermita.

Post la interveno de la Delegito de la Hispana Registaro, la HEF-prezidanto s-ro Salvador Aragay

diris: Estimataj gekongresanoj! Nur kelkajn vortojn por gratuli s-ron Eduardo Carré pro liaj afablaj vortoj, kaj reliefigi tion, kion li diris. Nun la simpatioj por Esperanto estas ĝeneralaj, kaj certe ni




*Delegito de la registaro s-ro Eduardo Carré, ricevas de s-ro José F. Arroyo ekzemplerojn de la lastaj eldonitaj verkoj; meze prezidanto Salvador Aragay*

travivas unikan periodon de la Esperanto-Movado, ĉar danke al la decido de la Ministerio de Edukado, okazinta la pasintan jaron, permesinta la instruadon de 2 modernaj lingvoj en BUP kaj FP, nia kara samideano F. Zaragoza Ruiz atingis de la "Generalitat" de Valencio, oficialan agnoskon por la instruo de Esperanto-kurso en la Nacia Lernejo "La Paz" de Callosa de Segura. Sed ne nur en nia lando —la unua kiu agnoskis Esperanton jam en la jaro 1911-a— sed eksterlande ankaŭ oni marŝas antaŭen. Ni devas mencii, ke ni travivas eksterordinaran momenton. Granda nacio, Ĉinujo, krome festas nunjare ankaŭ la 35-an datrevenon de la eldonado de la revuo "El Popola Ĉinio". Do, sendube ni vivas unikan tre favoran momenton, kaj vi devas konscii, ke ĉiam ne okazos same. Pro tio ĉiu el ni devos streĉi niajn fortojn por atingi la tutan triumfon de Esperanto.

Tuj sekve jene paroladis la eksprezidantino de HEF, s-ino Mª Rafaela Urueña: Al niaj aŭtoritataj moŝtoj, membroj de la Organiza Komitato, estimataj gesamideanoj: Plian jaron ni troviĝas en la sojlo de Hispana Kongreso de Esperanto, kun la ĝojo povi interŝanĝi ideojn kaj labori profite de nia komuna idealo, ĉiam kun la espero, ke la kongreso finiĝos per pozitivaj konkludoj, frukto de realigita laboro. Sed ankaŭ estas kultura aspekto, kiun ni, esperantistoj, profitas en ĉiuj kongresoj: koni la urbon, en kiu ni troviĝas, enprofundiĝi en ĝiajn kulturon kaj historion, kaj viziti ĝiajn ĉirkaŭaĵojn.

Aliparte renoviĝo estas ĉiam necesa en la vivo, des pli, ĉar ja la ĝisnuna HEF-estraro jam plenumis sian laŭstatutan labor-periodon. Tial, en la Ĝenerala Kunveno de ĉi tiu Kongreso oni procedos ratifi la novan HEF-estraron, kiu konekse kun la antaŭa gvidantaro, jam provizore, ekde la nuna jaro, transprenis kun entuziasmo la administrajn taskojn de la Federacio.

Antaŭ ĉio ni devas resti dankaj al ĉi tiuj novaj gvidantoj pro ilia bonvola decido esti pretaj transpreni la torĉon de la Federacio, konsciaj pri la tasko ilin atendanta. Pro tio mi deziras al ili, en mia nomo kaj en tiu de la estraro, kiun mi havis la honoron prezidi, ke ilia HEF-administrado estu realigata tiom unuece, tiom konekse kun la respektivaj membroj, kaj tiom iluzie, kiom okazis ĉe la nia. Ĉi tiuj principoj estas esencaj kaj fundamentaj por efike atingi la dezirataj celojn, por kio ni estas senkondiĉe pretaj ilin helpi kaj konsili, se tion ili konsideras konvena kaj oportuna. Mi ankaŭ volas esprimi mian dankemon al la organizintoj de ĉiuj kongresoj realigitaj sub nia HEF-gvidado, ĉar sen ilia abnegacio ne estus povintaj okazi tiuj ĉiujaraj manifestacioj kongresaj, celantaj la diskonigon kaj la progresigon de Esperanto.

Dankon al la aŭtoritatuloj lokaj, regionaj, aŭtonomaj kaj naciaj, kiuj volonte fariĝis kunlaborantoj, en siaj respektivaj postenoj, de niaj kongresoj, kion majoritate ili faris kun malfermita animstato favora al nia kultura celo. Dankon al la inform-centroj, kiuj ĉiumomente mencias niajn iniciatojn. Dankon al la membroj de la Federacio, kaj al vi ĉiuj, kiuj per via partopreno



*S-ro García Pintado prezidanto de la L.K.K. transdonas florbukedon al nia eksprezidantino María Rafaela Urueña*

en la kongresoj ebligas ties realigon.

Kiam ni proksimiĝas al la Centjareco de la Lingvo Internacia Es-




*Inaŭguro de strato "Idioma Esperanto" en "Torre Pacheco"*

peranto, ni devas kun renovigita entuziasmo kunlabori, laŭ niaj ebloj, en la projektoj de la nova HEF-estraro, ĉar (estante ĉiuj) unuigite ni povos atingi la deziratajn celojn.

Nur restas al mi deziri al ĉiuj ĉeestantoj feliĉan restadon en Kartageno, kaj ke el ĉi tiu Kongreso emanu multaj perspektivoj realigeblaj en la futuro.

Sabate posttagmeze: Kvankam ĝi ne estis enprogramigita, okazis katolika Diservo, kiun ĉeestis konsiderinda nombro da esperantistoj. Oni legis en Esperanto la 1-an legaĵon, kion faris M. López Serna, Ezekielo 2, 2 – 5; kaj la 2-an legaĵon, kion faris L. Mª Hernández Izal, 2 Korintanoj 12, 7 – 10. La Evangelio estis legata de la celebranto, kiu krome predikis favore al Esperanto.

Sabate vespere: En la salono de Instituto "Isaac Peral" havis lokon folklora festo, dum kiu la ensemblo "Peña La Alegría de la Huerta" prezentis belajn tipajn dancojn.

Dimanĉe: Okazis tuttaga peraŭtobusa ekskurso al la fama turisma loko "La Manga del Mar Menor" (Murcio). Tiu mirveka ekskurso, kiu sendube estis unu el la plej gravaj kaj belaj programeroj de la Kongreso, estis niaopinie pozitive epokfara, ne nur por la hispana Esperanto-Movado, sed ankaŭ je tutmonda nivelo, ĉar koincide kun ĝi estis oficiale inaŭguritaj, kun ĉeesto de pli ol cent esperantistaj ekskursantoj, tri stratoj kun la nomo ESPERANTO en la urboj Kartageno, La Unión kaj Torre-Pacheco, en kiu lasta urbo oni krome regalis la ekskursantojn per abunda lunĉo, same kiel en Los Alcáceres, kies municipo ankaŭ intencas, en baldaŭa dato, inaŭguri sian straton ESPERANTO.

Lunde matene: En kunveno omaĝe al la forpasintaj HEF-anoj, oni silentis minuton je ilia memoro. Tiuokaze oni recitis poezion de la forpasinta s-no Fernández Jurado, laŭeble publikigotan en iu venonta "Boletín". Post tio estis liverita la nunjara "Premio Klara Silbernik". Ĉar s-ino Antonia Ur-



*Inaŭguro de strato "Idioma Esperanto" en "Cartagena"*

gellés, vidvino de s-ro Ramón Molera, ne povis persone ricevi tiun Premion, ŝianome transprenis ĝin s-ino Faŭstina Martínez.

Lunde tagmeze: Oni vizitis la bierfarejon "La Aglo", kie la gekongresanoj scieme rigardadis la ellaboradon de tiu renoma marko de biero, kiun ili poste povis gustumi ĝissate, invitite de la direkcio.

Lunde posttagmeze: En la Ĝenerala Kunveno de Hispana Esperanto-Federacio, oni unuanime elektis ties novan estraron, kun unu sola memdeteno.

Lunde vespere: Duopo de kanzonistoj de "trovos", akompanate de gitaristo, improvizis repertuaron de tiaj kanzonoj, tiuokaze precipe rilataj al Esperanto, laŭ peto de la spektantaj gekongresanoj. La "trovos" estis protestaj kanzonoj de la ministoj de La Unión, kiuj pro ekscesa laboro, en la periodo inter la pasinta kaj nuna jarcentoj, nur povis vidi la sunon dimanĉe.

Marde matene: Vizito al la Kartagena "Nacia Muzeo de Mara Arkeologio", kies valoran enhavon oni admiris kun granda intereso.

Marde tagmeze: La "Ĥorgrupo Kartago Nova" majstre interpretis plurajn muzikpecojn, precipe "habaneras", kaj krome ĝi kantis "De Santurco al Bilbao" kaj "La Espero" en Esperanto.

Marde tagmeze: En aparta kunveno okazis prezento de la ĵus aperintaj libroj. Post enkondukaj vortoj de s-ro Aragay, tuj sekve s-ro J. Fernández Arroyo parolis pri sia 15-leciona lernolibro, kies disvendadon zorgas komerca entrepreno. S-ro F. Zaragoza Ruiz faris klarigojn pri sia perfraza metodo, ankaŭ taŭga por perkoresponda kurso. Poste estis intersekve prezentataj "Curset d'Esperanto", rekmettoda libreto en kataluna lingvo, de Pere Saumell; la populara verko "La Familio de Pascual Duarte", de Camilo J. Cela, en la Esperanto-traduko de Akademiano F. de Diego; kaj la ĝisfunda gramatika studo

ESPERANTO POR LA JAROJ DU MIL, de L. Mimó Espinalt. En la libro-servo, funkcianta dum la kongrestagoj, oni ofertis tiujn librojn kune kun granda stoko da diverstemaj verkoj.

s-ro Julio Bueno, nome de sia Esperanto-Grupo invitis la ĉeestantojn al la Kongreso de Vigo, okazonta de la 15-a ĝis la 20-a de julio de la venonta jaro 1986-a.

Fine, la sekretario de la Organiza Komitato, s-ro Cabezos Martínez legis la jenan Kongresan Rezolucion:

1) Peti al la Ĝenerala Poŝta Direkcio la emision de memoriga poŝtmarko, se eble valida por internacia afranko, okaze de la Centjareco de la Lingvo Internacia Esperanto.

2) Danki al la Ministerio de Edu-



*Kongresanoj en la salono L.L. Zamenhof*

Marde posttagmeze, ekster la kongresprogramo, okazis parolado en Esperanto pri Bahaismo, kun posta kolokvo.

Samtage posttagmeze: Post paroladeto de la HEF-prezidanto, s-ro Aragay, kiu speciale dankis la ĉeeston de la kongresanoj, oni liveris la diplomojn al la ekzamenitoj de la Esperanto-kursoj. Tuj sekve,

ko kaj Scienco la fakton, ke pere de ĝia Dekreto n° 2454 de la 13a de septembro de 1984a, fariĝis ebla la lernado de Esperanto, kiel dua moderna lingvo, en horoj de klaso, en BUP kaj FP.

5) Danki al la aŭtoritatuloj de Kartageno, same kiel al la municipoj de La Unión, Torre-Pacheco kaj Los Alcáceres, pro ilia apogo donita al la Kongreso, kaj pro ilia respektiva dediĉo de strato kun la nomo Lingvo Esperanto.



*Kongresanoj en la antaŭkafeto de "El Club de Golf"*

3) Danki al la Valencia "Generalitat" la koncesion de la oportuna permeso por la aranĝo de ordinara kurso de Esperanto, en horoj de klaso, en la Lernejo "La Paz" de Callosa de Segura (Alikanto).

4) Rekoni la influon, kiun havis kaj plu havas la maro kaj en la internacia komunikiĝado, kaj por la alproksimigo de la kulturoj.

6) Esprimi nian dankon al la lokaj ĵurnaloj kaj radiostacio pro la informa diskonigado, kiun motive de la 45-a Hispana Kongreso de Esperanto, ili efektivigis dum tiuj ĉi tagoj.

Marde vespere, okazis la bankedo, post kiu oni disdonis la atestajn diplomojn pri ĉeesto en la Kongreso, kio estas simpatia nova-

ĵo fare de la Organiza Komitato de Kartageno.

Nun restas diri nur: ĝis revido venontjare en Vigo.

**VELUS**

P.S. Apartan mencion meritas la protagonismo de la juneca kongresano s-ro Frederic Alberich, kiu per siaj trafaj spritaĵoj sukcesis krei ĝojan etoson en nia familia rondo.

# ARTAJ, SCIENCAJ KAJ KULTURAJ HOROJ

*Ilin partoprenis kvar prelegantoj:*

Manuel López Serna disertaciis pri la kanabo kaj ĝia terkultiva kaj industriaj laboroj.

Li priskribis la devenon de la kanabo, la ecojn de tiu fibreca herbo kaj tiujn de la semoj, el kiuj ekzistas toksaj variaĵoj. Li rakontis pri la peniga laboro de ĝia kulturado kaj teksa aranĝo kaj konstatis la nunan dekadencon de la kanabo pro krizo en ĝia uzado, ĉar la modernaj plastoj anstataŭis la kanabon, malgraŭ ĝia supereco super la plastoj.

Giordano Moya temis pri "Ĉu povas esti scienca etiko?" Li reliefigis, ke pro la jarmilaj spertoj la homo eltiris intuicie la etikajn perceptojn por ebligi la socian vivon kaj tiuj perceptoj estis enkorpiĝintaj en la religioj. La scienca etiko estis neebla en pasintaj epokoj, ĉar tiam ne ekzistis sciencaj scioj. La scienco estas moderna metodo de sciado, kaj nur en la nuntempo estas eble science formuli la etikajn devigojn, kiuj estas hereditaj el la senfina forpaso de la tempo.

Alberto Franco prezentis studon pri la andaluza fonetiko. Li rimarkigis la fonetikajn diferencojn inter la oficiala kastilia lingvo kaj la andaluza dialekto, kiu havas karakteron de propra lingvo kaj montris la diversajn zonojn de propra andaluza prononcado, kiuj ne koincidas kun la andaluzaj provincaj areoj.

Juan Nabareño klarigis la esperantan uzadon de la prepozicioj **al** kaj **de**, kiuj ne havas la saman amplekson de signifoj ol la kastilia lingvo, kaj tio okazigas la misuzon de tiuj prepozicioj en Esperanto.

**G.M.E.**

# AGADPLANO

**Agadplano aprobita por la estonta periodo ĝis la 47a Kongreso en Madrido.**

a— Konigi pli intense la celon kaj aktivecon de HEF al la E-Asocioj kiuj ankoraŭ ne aliĝis al nia Federacio.

b— Subteni la eldonadon de novaj verkoj, eldonotaj de la E-Grupoj kaj E-Asocioj, kadre de la Hispana Jubilea Komisiono.

c— Aperigi nian Bultenon, regule, kun la celo ke ĝi estu freŝa, utila kaj altira por la membraro.

ĉ— Plani por la 2 estontaj kongresoj financan peton al la diversaj kulturaj institucioj de nia lando: Ministerioj, aŭtonomaj komunumoj, Ŝparaj Kasoj, Komercaj entreprenoj, ktp.

d— Plifirmigi nian internacian agadon speciale kadre de la Universala Esperanto-Asocio. Ĝis nun nia Federacio kiel landa asocio de UEA en Hispanujo nur havas unu komitatanon —li estas s-ro Luis Hernández García de Valladolid— ĉar ni ne atingis pli ol mil asociajn membrojn. Tamen laŭ la sperto de la unua duonjaro ni estas certaj ke facile HEF povas atingi la nombron 1.001, kio permesos al ni elekti du komitatanojn en UEA.

e— Solidigi la Esperanto-Movadon en nia lando helpante la organizadon de novaj E-Asocioj kaj E- Grupoj.

f— Apogi la agadon de la Hispana Jubilea Komisiono pri la diversaj projektoj aprobitaj en ĝia pasinta speciala kunveno: Eldonado de verkoj, Hispana Honora Komitato, Internacia Patrona Komitato, ĉeesto al la Jubilea Universala Kongreso en Varsovio, ktp.

g— Plialtigi la nombron de niaj membroj ĝis...??? Vi la reprezentantoj de la E-asocioj, kaj vi individuaj membroj de HEF devas respondi pri tio: kiom da membroj vi deziras ke nia Federacio havu.

# FERM – SALUTO

Karaj gekongresanoj: Ni alvenis al la fino de la nunjara kongreso. Nome de la gekongresanoj kaj estraro, ni dankas al la Loka Kongresa Komitato por ĝia tre bona efika agado en la organizado de la Kongreso.

Dank'al ĉiu membro de la L.K.K., ĉiu ero de la programo atingis grandan sukceson; inter aliaj aliĝis al HEF tri pliaj Esperanto-organizoj: Klubo Amikoj de UNESKO E-Sekcio en Madrido, Grupo Esperantista "Ricardo Codorniu" en Murcio kaj Andaluzia Esperanto-Unuiĝo en Malago. Tiel do, entute jam estas aliĝintaj al nia Federacio 41 Esperanto-organizoj. Plie, gravaj kaj pozitivaj rezolucioj kaj agadplanoj estis aprobitaj por la venontaj du jaroj.

Ni tutkore restas tre dankemaj al la aŭtoritatuloj de la urboj: "Cartagena", "Torre-Pacheco", "Los Alcázares" kaj "La Unión", kaj al ĉiuj organizoj kaj personoj, kiuj helpis kaj subvenciis nian Kongreson.

Sekve oni disdonos la diplomojn al la sukcesintaj ekzamenitoj, atestojn al la kunlaborantoj de ILEI, kaj fine ni fermos la kongreson, kunkantante nian himnon. ĜIS VIGO!!!

**Salvador Aragay**

# HEF – SIDEJO EN BARCELONO

**VIZITOJ**

En la pasinta aŭgusto vizitis nian sidejon la jenaj eksterlandanoj:
Komence de la monato prof. Luis C. el Kubo, instruisto de hispana lingvo en usona universitato, informis nin pri la usonaj instrumetodoj.
La tagon 14an, vizitis nin s-ro Thor de Caspary, kiu ĝentile interŝanĝis norvegajn verkojn kontraŭ la lasta verko eldonita en nia lando "La Familio de Pascual Duarte".
La tagon 21an prof. Janes Cool, instruisto de franca lingvo en Usono kaj samtempe instruisto de la SOMERA KURSO DE ESPERANTO en la universitato de "San Francisco".

**NACIA LOTERIO N–RO 37103**

Meze de oktobro en la HEF–sidejo en Barcelono, estos je la dispono de la esperantistaro loteribiletoj de la NACIA LOTERIO por kristnasko.

Ĉiu bileto kostos 100 p-tojn, sed oni priludos nur la nominalan valoron, t.e. 80 p-tojn.

Interesatoj mendu ilin kaj sendu samtempe la sumon. La mendoj estos validaj nur post ricevo de la koncernaj pagoj.

La HEF–estraro kaj delegitoj de la esperantaj asocioj interkonsentis en Cartagena, ke la Esperantaj Asocioj pagos al la Federacio, post la revendo de biletoj al membroj, nur po 90 p-tojn, kaj devos likvidi la konton aŭ resendi ne venditajn biletojn, antaŭ ol finiĝo de novembro.

---

# RAPORTO DE HISPANA ESPERANTO FEDERACIO

---

*PERIODO DE 1A DE JULIO 1984A ĜIS 30A DE JUNIO 1985A*

Tiu ĉi periodo de nia aktiveco, estis vere intensa pro diversaj cirkonstancoj, kaj eble la plej grava konkludo estas ke malgraŭ tio ke dum la unua duonjaro agis la antaŭa estraro kaj dum la lastaj ses monatoj agis la provizora estraro, ĉiu departemento, fako kaj sekcio de nia Federacio, laboris regule kaj plenumis sian taskon.

Nun ni informas pri la unua duonjaro, t.e., ĝis la 31a de decembro de 1984a.

**KONGRESOJ.** La pasinta 44a Hispana Kongreso en Seviljo estis vere grava kaj sukcesa, ĉar dank'al ĝi plifirmiĝis la strukturo de nia Federacio; oni aprobis la agadplanon de Hispana Jubilea Komisiono, elektis du novajn kongresurbojn — Vigo 1986a kaj Madrido 1987a — Floris nova agado — Artaj kaj Sciencaj Horoj —, kaj plie dank'al la lerta organizado de la Loka Kongresa Komitato de Seviljo, oni sukcesis organizi la kongreson je favora saldo da 91.045 pesetoj.

Pliaj esperantaj aranĝoj okazis en Hispanujo: la 2a Andaluza Kongreso, la 20a Kataluna Kongreso, la 8a HEJS–Tendaro, la 13a

Valencia Renkontiĝo kaj multenombraj aliaj esperantistaj kunvenoj, kiuj montras ke nia E-movado estas treege aktiva.

Kiel ĉiujare, grupo da esperantistoj ĉeestis la Universala Kongreson en Kanado kaj nome de HEF salutis, samideanino Francisca J. Yruegas. Estis elektita kiel nova honora membro de UEA, nia tre estimata samideano d-ro Régulo Pérez. Ankaŭ nia elstara verkisto Fernando de Diego gajnis la duan premion de Fondaĵo Grabwoski, kultura fonduso, fondita de s-ro Adan Goralski el Kanariaj Insuloj.

**BOLETIN**. La organo de nia Federacio aperis iomete malakurate, sed ĝi kiel ligilo de la membraro kaj kiel informa kaj kultura revuo plenumis sian rolon.

Je la komenco de Decembro la prezidantino kaj Sekretario vojaĝis al Barcelono kun la celo, organizi la translokiĝon de la administra sidejo.

Meze de Decembro nia prezidantino Rafaela Urueña vojaĝis al Madrido kaj oficialigis la aĉetadon de la Oficejo de HEF.

Sekve oni informas pri la agado dum la dua periodo de la provizora estraro:

a— Daŭrigi la kontaktojn kun la respondeculoj de la estontaj 46a kaj 47a Hispanaj Kongresoj de Esperanto. Aliĝiloj restas je via dispono.

b— Konigi la celon de HEF al la Esperanto-Grupoj, kiuj ankoraŭ ne estis aliĝintaj al HEF; la rezulto estis ke aliĝis al HEF 9 E-grupoj:

Esperanto-Grupo Jozefo Anglés, en Sant Cugat del Vallés.

Esperanto-Grupo Mollet, en Mollet del Vallés.

Esperanto-Sekcio, Centre Excursionista Puig Castellar, en Sta. Coloma.

Esperanto-Grupo Klara Silbernik, en Sabadell.

TUTMONDE, Internacia pacista movado, en Terrassa.

Hispana Esperanto-Muzeo, en Sant Pau d'Ordal.

Ĉiuj de la provinzo de Barcelono kaj Grupo Esperanto IB Séneca, en Córdoba kaj Katolika Esperantista Hispana Asocio, en Zaragoza.

Plie 36 novaj membroj ankaŭ aliĝis, tiel nun HEF havas 624 membrojn.

c— Subteni la eldonadon de Barcelona Esperanto-Centro per aĉeto de 60 ekzempleroj de la verko La Familio de Pascual Duarte. Nun ni jam povas informi vin ke la Ŝpara Kaso, en kiu la HEF-sidejo en Barcelono malfermis konton, subvenciis je 25.000 pesetoj, kio signifas ke HEF pagis al Barcelona Esperanto-Centro 28.000 pesetojn kaj ricevis de la Ŝpara Kaso 25.000 pesetojn.

ĉ— Decidis eldoni la estontan numeron de HEF—Bulteno, Majo Junio-Julio-Aŭgusto, kune, nur tiamaniere oni regulos la

aperadon de nia organo. Pro tio, eble meze de aŭgusto, vi ricevos la menciitan bultenon — lastan eldonitan en Valladolid—, kaj la numeron Septembro-Oktobro, la unuan eldonitan en Barcelono, je la fino de Septembro.

d— Peti permeson al la familio Tudela, pri la eldonado de la verko "Vocabulario Esperanto-Español". Finfine antaŭ kelkaj semajnoj oni jam trovis interkonsenton pri ĉiuj punktoj... Kaj nia ideo estas prezenti la verkon okaze de la 46a Hispana Kongreso en Vigo. Pliaj demarŝoj estis faritaj, sed ili estas nur administraj aferoj: konrespondado al la E-Grupoj, respondoj al la membroj, ktp. Do ni restas je via dispono.

**S. Aragay**

---

# LA MARO, FAKTORO DE KOMUNIKADO. *(Resumo)*

---

*PAROLADO DE M. RAFAELA URUEÑA, DOKTORINO PRI JURO*

1.— Kial la Maro?

Rilate la Esperantan Movadon, la elektita temo de ĉi tiu Kongreso povas kaŭzi surprizon. Kial la maro kiel kongresa temo? Unue, ĉar jam estas de ĉiuj sciate ke Kartageno estas mara urbo, historie kaj nuntempe, kaj krom tio la vivo mem de la urbo estas ligita al tiu faktoro, ĉar ne vane ĝia natura haveno estas unu el la plej elstaraj de la tuta Mediteraneo.

Perdita en la antikva legendo, la origino de Kartageno, situas en la unuaj praloĝantoj de Hispanio, kaj elstaris dum la roma imperio, ĉiam dank'al la grava faktoro kiu rolis la ĉefan influon: La **Mediteraneo**.

En la antikva epoko, la maro estis enkadrigita en la hodiaŭ nomataj Mediteraneaj Maroj, rilate la homan eblecon al navigado, kie la ŝipistoj malvolvis siajn komercajn kaj komunikajn aktivecojn. Oni devas ankaŭ rememori la gravan trajton de la maro en la pratempo; kiam, escepte de la fenicoj kaj kartaganoj, la aliaj popoloj rigardis timeme la malproksimajn marojn, kaj eĉ kun teruro ili trapasis la "Herkulajn Kolonojn".

Kontraŭe la Fenicoj, kun granda komerca genio, faris el la navigado sian propran sinon. Ili trapasis la Herkulajn kolonojn, estis la unuaj kiuj atingis la Okcidenteŭro-

pajn marojn, komercante dum jaroj kun la nordaj popoloj, trasulkis la afrikajn marojn, la Ruĝan Maron, Hindujon, kaj verdire ili monopolis la komercon de la epoko dank'al sia ruzeco: Alveninte, por eviti la konkurencon, ili rakontis al la aliaj mediteraneaj popoloj, pri fabelaj danĝeroj kaj riskoj en la mara komerco, per kio ili atingis la deziratan celon, ke neniu aliaj dum jarcentoj trasulkis la marojn.

La Kartagenanoj, komencis la markomercon per piratado. En tiu epoko tiu aktivaĵo ne estis konsiderata kontraŭleĝa, ĉar same ol la restantaj popoloj, ili konsideris la eksterlandanojn kiel malamikojn prirabindajn.

De la elstara influo de mediteraneaj urboj kiel Genevo, Venecio, Amalfo, Marsejlo, Barcelono kiuj fariĝis protagonistoj de la riĉa mediteranea komerco, devenis gravaj maraj leĝoj kiel "La Tabula de Arnalfi", "La Leĝoj de Venecio", "La Fuero de Valencio", "La Llibre del Consolat del Mar" de Barcelono, "Les Rôles de Oleron", k.t.p. kaj la pretendo havi proprieton pri la apuda maro.

La dua epoko en la mara komunikado komenciĝas per la malkovro de Ameriko.

Per tiuj malkovroj, estas la Oceanoj kiujn oni deziras monopoligi por la propra komercpovo, kaj estas la momento kiam la grandaj modernaj imperioj batalos por atingi tiun povon.

Jen la fundamenta signifo de la malkovro de Ameriko, fare de Hispanio kaj Portugalio, ne nur pro la fakto mem, sed ĉar tio estas la kaŭzo de nova propono doktrina kaj praktika pri la granda debato rilate la maran liberecon.

Hispanio kaj Portugalio vojaĝis tra ĝis tiam nekonataj maroj, sed pro intermikso en siaj maraj aktivaĵoj, estis necese limigi la parton de la Oceanoj por ĉiu ŝtato. La Buleo de la Papo Aleksandro la 6a kaj la Traktato de Tordesillas dividis la konatajn marojn inter la du ŝtatoj, ekskludante la aliajn.

Kompreneble, ĉi tiu divido ne estis akceptita de la aliaj maraj ŝtatoj, ĉefe Francujo, Anglujo, Nederlando, k.t.p. kaj komenciĝis vera batalo por doktrina interdisputo pri la libereco de la maroj.

En sia "Relectio Prior" Vitoria, diras; "Je la komenco de la mondo, estis leĝe, ke iu ajn povu trakuri la regionojn, kaj tio ne estis aboliciita, ĉar neniam estis intenco eviti la interkomunikadon de la homoj". Se la maro estas komunikilo inter la popoloj, la agnosko de la principo de mara libereco estas nepre necesa por la homaj rilatoj.

Tiun saman doktrinon sekvis aliaj aŭtoroj kiel Domingo de Soto, Vazquez de Menchaca, Covarrubias, k.t.p. en Hispanio; Serafin de Freitas en Portugalio, Alberico Gentile en Italio, kaj kiel jam dirite, la nederlandano Hugo Grotius.

Sed tiu defendo ne estis facila por la hispanoj kaj portugaloj, ĉar kontraŭe al Grotius, kiu defendis

la liberecon favore al sia propra patrujo, la hispanoj defendis tiun saman liberecon per propra konvinko, eĉ irante kontraŭ la hispana politiko.

2.— Nunaj Perspektivoj

La maro plu estas ilo de influoj kaj interrilatoj, kulturaj, sociaj, ekonomiaj ĝis la 1-a mondmilito. Sed la 20a jarcento sanĝis la sigr. fon de la maro.

Ĝis la 20-a jarcento, la leĝoj de la maro estis kutimjuraj, sed jam en 1.930-a serioze oni pensis pri la alpreno de komuna kriterio en la larĝeco de la Teritoria Maro.

La 1-a Konferenco, kunvokita de la Unuiĝintaj Nacioj, en Ĝenevo en la jaro 1.958-a, sukcesis adopti 4 konvenciojn, rilate la Teritorian Maron kun ebla apuda Zono (6 mejloj plus 6), Kontinentan Breton, Fiŝkaptadan Zonon kaj Liberan Maron.

Sed la ŝtatoj ne ĉiam agis laŭleĝe kaj multaj, unuaflanke, amplek-sigis la teritorian maron ĝis nepenseblaj limoj.

Ekonomiaj kaj politikaj faktoroj evidentigis la nesufiĉecon de la konvencioj de 1958-a kaj 1960-a.

Politike, la fino de la koloniismo signifis la eniron en la Unuiĝintajn Naciojn de novaj, ĵusnaskitaj, ŝtatoj, kiuj dubis pri la taŭgeco de la ĝis tiama sistemo, konsiderante ĝin subtenata de la antikvaj kolonioj. Tiu transformado de la Internacia Komunumo estas sentita ankaŭ en la ekonomia flanko. Tiuj novaj ŝtatoj luktas por sia propra ekonomia malvolvo, kaj deklaras la proprieton pri la apudaj riĉaĵoj, ĉefe la maraj.

Fine, la progreso de la teknologio ebligas la eksplutatadon de la maraj riĉaĵoj ĝis limoj tute nekonataj en la pasinteco.

Oni ne serĉas nur la vivantajn marriĉaĵojn per fiŝkaptado, sed ion plej valoran ekonomie: la nevivantajn riĉaĵojn en la profundeco de la Oceanoj, tio estas, la mineralojn: Nikelo, kobalto, kaj ĉefe nafto troviĝas en la submaraj fundoj.

Tiu evoluo estis tiel rapida kaj signifa, ke la novaj konceptoj pri Kontinenta Breto kaj Mara Grundo akiris elstarecon, kaj la komuna integrado de tiuj faktoroj, politikaj, ekonomiaj kaj teknologiaj alportis novan bezonon reguli, alimaniere, la Juron de la Maro. En 1.970-a la Unuiĝintaj Nacioj denove decidis kunvoki la 3an Konferencon pri Juro de la Maro, fininta per la Jamaika Konvencio en 1982-a kaj agnoskanta novan zonon, for de ĉiu teritoria rajto, kiu post 200 maraj mejloj, kaj rilatante al la riĉaĵoj de la maraj fundoj, estis, solene, proklamita "Komuna propraĵo de la Homaro".

Kompreneble, la teknologia malvolvo rilatis, ankaŭ, al la mara transporto, al la oceana esplorado kaj evidentiĝis novaj reguloj.

Jen, la evoluo de la graveco de la maro por la tuta homaro. Nun oni povas pensi ke kiel ĉiam la grandaj potencoj havos pli da rimedoj, pli da teknologio por eks-

pluatadi la marajn riĉaĵojn, same ol en la antaŭaj jarcentoj la grandaj potencoj havis pli da monopolo en la navigado, sed almenaŭ, se la ŝtatoj kaj la homoj, ankoraŭ, estas konsciaj pri la graveco de tiu medio, oni zorgos ne polucii la maron, ne superekspluati la vivantajn riĉaĵojn, ne malebligi la komunikadon, kaj fine gardi la margrundon por la estontaj generacioj.

Mi esperas ke la proklamo de la Mara Zono kiel "komuna propaĵo de la Homaro" estu respektata de ĉiu Ŝtato, kaj ke la libera navigrajto fariĝu vera interhoma komunikilo.

---

**HONORAJ PREZIDANTOJ DE HEF**
D-ro Rafael Herrero Arroyo †
D-ro Miguel Sancho Izquierdo

**ESTRARO DE HEF**
Prezidanto: s-ro Salvador Aragay i Galbany
Vicprezidanto: s-ro Luis María Hernández Yzal
Sekretario: s-ro Víctor Ruiz Rodríguez
Vicsekretario: s-ro Josep Miranda Calvo
Kasisto: s-ro Joan Font Civit
Voĉdonantoj: d-rino María Rafaela Urueña Alvarez (Kastilio-Leono)
s-ro Víctor Ortiz Gratal (Aragono)
s-ro Francisco Zaragoza Ruiz (Valencio)
s-ro Adonis González Meana (Asturio)
s-ro Tomás Caspe Cereijo (Andaluzio)

**FAKOJ KAJ SEKCIOJ DE HEF**
Libroservo: s-ro Luis Hernández García
Financoj: s-ro Agustin Boix Bernat
Ĉefredaktoro de la "BULTENO": s-ro Giordano Moya Escayola
HEJS–Junulara sekcio: s-ro Miguel Angel Sancho
Eldona: s-rino Inés Gastón Burillo
Informa: s-ro Enrique Piquero Vázquez
Fervojista: Rafael Ruiz Criado

**ĈEFDELEGITO DE UNIVERSALA ESPERANTO–ASOCIO en Hispanujo**
s-ro Juan Azcuenaga Vierna

**FONDUSO ESPERANTO**
Prezidanto: s-ro Salvador Aragay i Galbany
Sekretariino: Inés Gastón Burillo

**OFICEJO en Madrido**
s-roj: A. Figuerola, G. Flores kaj J. González Aboin

---

# POEZIA ANGULO

---

*EN MEMORIGO PRI NIA ELSTARA FORPASINTO*
*RAMON FERNANDEZ JURADO*

## LETERO AL TUNIZIO

Kien, la saĝ' malnova por literojn envicigi;
por formi vortojn —sed, ne laŭ kutima ordo—
al kiuj ni ne povas doni vivon propran,
pro senpoveco, por la ploron glosi,
la ridon, la ĝuadon kaj la hor-tristecon?
Ni serĉas, de mallumo al mallum', la vortojn,
okulfermite, kun anim' neforta,
samkiel ektuŝiĝas kun branĉaro blindaj birdoj,
per la flugiloj siaj, kriple vundaj.
El ritmoj, nun, por vi, mi faskon faras,
provante diri la dolorojn plej antaŭsentitajn,

pri kiuj ni apenaŭ konas l' originan fonton:
akva elflu', de rok' al rok' falanta,
kun ŝprucado je steletoj kristalecaj,
kiu mildigas la pejzaĝon aspran.
El la montpintoj, altaj kaj solecaj,
ni vidos la kamparon sekan kaj senhoman,
kaj, pli lontane, de l' montĉen' enfona,
l' aŭroron de l' esper' estonta.
Nur tion, al vi diri, volas mi. Ĉu troe?
Aŭ, ĉu tro striktas la diraĵo mia?
Knedinte miajn vortojn, restas povra
tiu bakaĵo kiun mi elprenas el la pensoj.
Falas la silentad' volvante vortojn,
samkiel vintra roso sur paŝtejon.
Ni travivadis renkontiĝon spirdaŭran
— naskiĝon novan de du vivoj;
fajreron de la tempo sub la cindro,
kaj, ve, tuj poste, adiaŭojn senrimedajn,
kiuj nin lasas orfaj je rigardoj kaj parolo.
Lum' kaj mallumo, proksimeco kaj lontano;
fulmo de gloro kaj abismo plentenebra,
dum oni sentas korbatadon de mistero granda
volvanta kaj kisanta nin.
Kiel infanoj estas ni, sed sur ni pezas
la densa pako de la kalendarfolioj.
La vento kaj la sun' mesaĝojn al vi portos,
ĝis la tre foraj regionoj, kiuj gvatos vin.
Kaj super la maro kaj la montaroj
flugos ĉi-tiuj vortoj ĝis via renkont', amiko!
Jen, tute simple: mi nur tion volas al vi diri.
Vortojn mi envicigas, per litero post litero.
Mi scias ke la cel' ne atingiĝis:
ornami signon el literoj kaj el vortoj,
kaj perletere sendi ĝin al vi —al Tunizio—,
do, trans nian maron tre amatan,
por al vi diri ke mi solas sopirante vin.

*Ramón FERNÁNDEZ JURADO*

El la kataluna esperantigis
Gabriel MORA i ARANA

# Universala Esperanto-Asocio

[illegible]

Centra Oficejo:
Nieuwe Binnenweg 176, 3015 BJ Rotterdam, Nederlando. tel. (010) 36 15 [illegible]



Pécs, 1989.06.10.

FLÓRA SZABÓ-FELSŐ
7624 Pécs, Zója u. 5/B.
Telefon: (72) 23-274
HUNGARIO

Al: Partoprenantoj de la 45-a
Hispana Esperanto-Kongreso
C a r t a g e n a

Karaj Gekongresanoj,

en la nomo de la Estraro de Universala Esperanto-Asocio mi tutkore salutas ĉiujn partoprenantojn de via Kongreso. Mi sincere deziras al vi fruktodonan laboron kaj agrablan restadon en Cartagena.
Esperante, ke multaj el inter Vi ankaŭ partoprenos la Universalan Kongreson en Augsburgo

kun sinceraj salutoj:

Flóra Szabó-Felső
gen. sekr. de UEA

---

# A. C. E.

---

La 23an de aŭgusto fondiĝis en Santander la "Asociación Cantabra de Esperanto"; poste leĝe rekonita la 31an de aŭgusto.

Agados kiel provizora estraro:

Prezidanto — José Antonio Madrazo Aranguren
Sekretario — Miguel Gutiérrez Adúriz
Kasisto — Juan Azcuenaga Vierna
Membro — Pedro Ullate López

Unu el la multaj taskoj, entreprenitaj de la estraro, estas la kreo de biblioteko, por kiu jam venis kelkaj donacoj. Tamen, la ĵus naskiĝinta asocio anticipe dankas ĉiuspecan helpon ricevotan de la diversaj esperantaj grupoj kaj asocioj (informiloj, duoblaĵoj, revuoj, eldonaĵoj, ktp.)

La provizora adreso de la asocio estas:
A.C.E. / Camilo Alonso Vega 20 — 7° A
39010 Santander

*HISPANA ESPERANTISTA JUNULARA SOCIETO*

**HEJS**

*ATOCHA, 98-4.° - TEL. (91) 230 87 98*
*28012 MADRID*

S-ro Salvador Aragay
Prezidanto de HEF — Barcelono

Madrido, la 30an de julio, 1.985

Kara amiko:

Mi ĵus estis informita de Alberto Franco pri la diversaj okazintaĵoj en la pasinta kongreso en Kartageno. La tuta estraro kaj mi deziras esprimi sian dankon al vi pro la afabla atento, kiun dum la tuta okazintaĵo vi donacis al niaj tieaj reprezentantoj. Estas konstateble, ke komencaŝ ekzisti fortaj pontoj de interkompreno kaj kunlaboro.

Aliflanke mi petas vin bv. transdoni nian dankesprimon ankaŭ al s-ro Alberich pro lia gvidado de la aŭkcio. Estis belega gesto via kaj de Barcelona Esperanto-Centro realigi tiun aranĝon por nia financado. Denove dankon.

Mi ĝojas, ke finfine ekzistas nenia problemo pri la HEF-a estrar-renoviĝo. Ni ĉiuj deziras, ke via laboro estu ege fruktodona.

Elkoran saluton

Miguel A. Sancho

Miguel A. Sancho Pardo
Prezidanto de HEJS





REAL ACADEMIA
ESPAÑOLA

Palma de Mallorca, 21 de agosto de 1988

Sr. D. Fernando de Diego
Vía Universitas, 64, 1° 1° B
50010 Zaragoza.

Mi querido amigo,

Recibo con tanto interés como alegría los ejemplares de mi novela La familia de Pascual Duarte traducida por usted al esperanto. Su labor no puedo juzgarla, claro es, pero sí la edición, que encuentro muy elegante y digna; le ruego se sirva usted felicitar en mi nombre al Centro Barcelona Esperanto por su esmerada labor.

Deseo a la colección Hispana Literaturo una larga vida fecunda.

Un abrazo de su buen amigo,

Camilo José Cela

nº 13

---



GENERALITAT VALENCIANA
CONSELLERIA DE CULTURA, EDUCACIÓ I CIÈNCIA
SERVEI TERRITORIAL D'EDUCACIÓ
ALACANT

GENERALITAT VALENCIANA
CONSELLERIA DE CULTURA, EDUCACIÓ I CIÈNCIA
SERVEI TERRITORIAL D'EDUCACIÓ
ALACANT
SALIDA N.° 39974
Fecha 3-12-84

Data: 30 de noviembre de 1.984

Unitat: Secretaría Territorial

S/Ref.: N/Ref.: DP/VM

Asunt:
Curso ordinario de Esperanto.

Destinatari:
Sr. Director
C.P. " La Paz"
CALLOSA DEL SEGURA.

En contestación a su escrito, de fecha 22 de los corrientes, sobre asunto de referencia, tengo que comunicar a Vd. que, esta Jefatura tiene a bien acceder a lo solicitado.

Dios guarde a V.d.

LA CAP DEL SERVEI TERRITORIAL.-




Curset d'Esperanto
Pere Saumell i Vila
Mi salutas vin!
Bonan tagon!
Bonan vesperon!
Bonan nokton!
Ĝis la revido!